3ª jaro - Nº 5 (24) (Publication mensuelle) Majo 1935

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : Raymond SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

Ĉu vi estas certa, ke via abono ne finiĝis ?

— Kontrolu la banderolon !

# TARIFO DE L'ABONOJ

---

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo . . . . . . . . . . . . . . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

---

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIV[e]

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# Alvoko al la Mondo



---

CIVITANOJ !

Estas sekreto por neniu, ke hodiaŭ nenio funkcias normale. La malfeliĉa mondo baraktas inter mil kaj mil malfacilaĵoj. Unuflanke ĝi produktas tro da manĝaĵoj, sed aliflanke mankas nutraĵoj. Unuflanke la aliaj armadas, sed aliflanke Germanujo ankaŭ armadas. Unuflanke ne estas milito, sed aliflanke ankaŭ ne estas paco. — Resume : Ĉio estas senespere fuŝita.

Tamen oni ne povas nei, ke niaj registaroj tre sindone laboras tage kaj nokte por certigi al ni pli agrablan vivon, ke ili seninterrompe kovas super novaj budĝetprojektoj por malaltigi la impostojn kaj samtempe plialtigi la salajrojn. Oni ne povas nei, ke dank' al unuiĝintaj fortoj kaj cerboj de ĉiuj eminentaj ekonomiistoj la granda Krizo estos baldaŭ venkita kaj apartenos definitive al la regno de l' vaporaj mitoj. Oni ne povas nei, ke dank' al rapida progreso de l' civilizo la homoj fariĝas ĉiutage pli bonaj, pli komprenemaj, pli toleremaj. Baldaŭ ni ĉiuj naĝos en perfekta paradizo. — Resume : Ĉio funkcias bonege.

Tial, ankaŭ ĉi tiun jaron, fidelaj al jam antikva tradicio kaj por esprimi sonore sian malkontenton kaj sian sinceran ĝojon, sian indignon kaj sian entuziasmon, la Piratoj organizas grandiozan festen-vesperon, kiu okazos Sabaton, 15-an de Junio en la kutima kaverno. Tiu ĉi Alvoko al la Mondo cetere neniam havis alian celon ol inviti, simple kaj unuvorte, ĉiujn niajn amikojn al partopreno. Por pluaj detaloj vidu la lastan paĝon.

Ĝis baldaŭ !

SALA FUMAL.




# Jen solvita la nesolvebla problemo!

Kontentigi ĉiujn eĉ anĝelo ne povas, diris saĝe nia bona amiko Pierre Petit. Tamen en nia piratejo, dank' al la konate spiritakriga povo de alkoholaĵoj kaj al la mondfame lumiga propreco de la pipfumo, ni ebligis la neeblon, ni eltrovis la netroveblon, ni solvis la nesolveblan problemon. Tion eĉ anĝelo ne povas? Sed anĝelo ne estas pirato.

Pri kio do temas? — En ĉiuj nacioj troviĝas homoj, — ni devus skribi homaĉoj — en kies koro — ni devus skribi koraĉo — enradikiĝis sentaĉo : ni ne hezitas skribi sentaĉo, nome la amo al la vivo. Tiuj homoj militservas sen plezuro. Sed, ĉar funde de sia animo ankaŭ la aliaj homoj estas senfine bonaj kaj inteligentaj, ili volonte konfesas, ke ili mem neniel deziras batalojn, sed, se ili soldatiĝis kaj devigas ankaŭ ĉiujn normale bakitajn samnacianojn al militservo, ke tio estas nepre necesa, ĉar same okazas ja ankaŭ ĉe najbarŝtatoj. Jen ni troviĝas meze de la fatala, senelireja cirklo de la senarmigado. Ĉiu proklamas : Mi ĝoje forĵetos ĉiujn pafilojn, kiam vi estos mem forĵetinta la viajn. Kaj intertempe neniu volas komenci.

Feliĉe, ke en nia piratejo ni parolas kelkfoje pri

seriozaj aferoj ! Kaj ni pensis, ke koncerne la definitivan paciĝon de l' mondo Esperanto povas kaj devas ludi ĉefan rolon. Jen.

Imagu du ŝakludantojn, kiuj estas komencontaj la partion. Ĉar ja dekomence ambaŭ disponas pri egalaj fortoj, ili konservos la samajn ŝancojn, se interkonsente ili formetis ambaŭflanke la respondaj nnigrajn kaj blankajn figurojn. Ĉu ne ?

Same estos do, se, ekzemple, germano trovas saminteligentan francon, kiu ankaŭ ne speciale ŝatas militan gloron. Ambaŭ, konforme al leĝoj voĉdonotaj (aŭ dekretotaj) de la koncernaj ŝtatoj, rajtos liberiĝi de ĉia soldatservo, ĉar tiu eksiĝo malutilos ja nek al unu, nek al la alia lando. Estas simple kaj klare, ĉu ne ?

Kaj tamen la problemo entenas komplikaĵon. Francujo nombras 40 milionojn da loĝantoj, dum Germanujo povas facile enstatistikigi 70 milionojn. Supozu nun, ke ĉiu franco trovis kontraŭpartiulon en Germanujo ; estas evidente, ke restus tiam en Germanujo ankoraŭ 30 milionoj tuj disponeblaj por rompi la ripojn de sensoldata Francujo. Ĉu tio estus justa ? — Tial la perfekteco de nia sistemo postulas, ke al ĉiu nemilitema franco respondu 1 germano kaj 3/4 !

Kion ĵus ni diris pri nur du landoj, aplikiĝas kompreneble ankaŭ al aliaj samgrade civilizitaj ŝtatoj, inter kiuj la individuaj eksiĝoj el la armeoj efektiviĝos sammaniere, laŭ proporcinombro fiksota de la Ligo de Nacioj konforme al la nombro de la loĝantaro.

Sed praktike, kiel statas la afero ? Jen, nun Esperanto ekfunkcios. Verdire ne estus saĝe forlasi ĉion al privata iniciato kaj akcepti en nia universala oficiala organo anoncetojn tekstantajn proksimume :

> « Franco 20-jara serĉas 1 3/4 germanojn samaĝajn por kompensa soldateksiĝo »,

ĉar tio necesigus nehumanan distranĉadon de la germanoj. Ne ! Ni organizu la aferon grandstile. Ekfunkcios (kompreneble en Ĝenevo) unu plua oficejo, simila al tiuj kompensadejoj, sur la ekonomia kampo

jam de longe utilaj, kiuj bon- aŭ malbonfame plikonatiĝis sub la nomo de *Clearing*-centroj. Dank' al siaj fervoraj reprezentantoj en ĉiuj landoj, nia paca movado organizos la mondmerkaton de tiu diverskvalita varo : nemilitemuloj.

Tiel, estontaj konfliktoj solviĝos sen amasbuĉadoj kaj tre rapide inter elitaj, konsentantaj, entuziasmaj, profesiaj batalspecialistoj. Kaj ĉiuj estos kontentaj. Jen ĉio, kion pruvi ni deziris.

Sed ni ĵus rimarkas, ke ankaŭ nia propono ne estas tute originala kaj nova. Ĉu vi ne iam ion legis pri certaj tri Horacoj kaj same malmultaj Kuriacoj ? — Pro tio ni tre modeste rezignas ĉiujn patrecajn rajtojn koncerne nian genian sistemon, kiun ni ne patentigos.

LA DEĴORANTA PIRATO.

LASTA HORO. — Lia Honorinda Moŝto, Sekretario de la Ligo de Nacioj, eksciinte pri nia plano, petis nin pri aŭdienco por pli-detala informiĝo. Responde ni konsilis al li partopreni, la 15-an de junio, nian Piratfeston.

---

# Kiam harmonie kunlaboras popoloj...

Estis bela skandalo antaŭlastan sabaton, kiam ili elektis en Parizo la belecreĝinon de Francujo, aŭ — kiel oni diras pli demokrate kaj internacie — « Miss Francujon ». La kandidatinoj estis ĉiuj senescepte belaj, delikataj, inteligentaj, elegantaj, purrasaj, unuvorte ili kunigis ĉiujn superajn kvalitojn, kiuj de jarmiloj apartenas al nia popolo. Post longaj pripensoj kaj seriozaj esploroj la juĝistaro malkovris inter ĉiuj la plej belan, fraŭlinon Elisabeth Pitz, kiun ĝi proklamis « Miss France ».

Estis bela skandalo, — ĉar tre baldaŭ la publiko ekkonis la genealogion de fraŭlino Pitz, kies patrino estis francino, sed kies patro estis germano kaj kiu mem konvertiĝis al la franca ŝtataneco nur antaŭ nelonga tempo.

La patrinoj, onklinoj, kuzinoj kaj amikinoj de la sensukcesaj kandidatinoj organizis tian protestbruaĉon por manifesti sian malkontenton pri tiu Miss-elekto, ke fraŭlino Elisabeth Pitz ankoraŭ la saman tagon, tute spontanee, abdikis. Ni lasu flanke ĉiujn klaĉaĵojn kaj konsiderojn patriotajn, — tamen restas unu fakto, ke harmonia kunlaboro inter Germanujo kaj Francujo produktis tiun unikan Pitz-pecon, fraŭlinon Elisabeth, kiu meritis esti, dum unu tago, belecreĝino de Francujo.

SALA FUMAL.

# Postkongresa Prozo

Estis tre originala ideo organizi la nunjaran kongreson en Italujo. Vere, neniu lando estas pli alloga kaj ĝuas pli universalan famon, — al neniu lando sin turnas pli arde ĉiuj deziroj, neniu lando estas pli konata.

Italujo, kiun tramigris, sorbante inspiron, ĉiaj artistoj, poetoj, penikvirtuozoj, skulptistoj kaj muzikproduktantoj, — Italujo, kie laŭ malnovega kutimo devige enmieliĝas ĉiuj klasikaj novgeedzoj el bonstata burĝaro, — Italujo, kies giganta historia rolo engravuriĝis en la koroj de ĉiuj civilizitaj popoloj kaj super kiu ŝvitas de generacio al generacio, senfine, senfine, la tutmonda lerneja junularo, Italujo, kiu..... Italujo, kies.....

Kaj tie kuŝas la danĝero. Kaj la danĝero nomiĝas la postkongresa prozo!

Tial hodiaŭ ni direktas vibrantan petegon al ĉiuj estontaj partoprenintoj: Post la kongreso, ne konsideru, ke estas via nepra devo rakonti al ĉiuj gekonatoj pri la itala ĉielbluo, aŭ sendi al ĉiuj viaj korespondantoj la eterne malnovajn poŝtkart-aforismojn, aŭ publikigi en ĉiuj gazetoj, senkompate kun ĉiuj detaloj kaj konkurence kun Baedeker kaj aliaj gvidlibroj, priskribon pri ŝtonaj, pejzaĝaj kaj homaj ĉarmoj de Italujo. Sed, ĉar ni tre bone scias, ke nia sincera petego havos ne pli da sukceso ol mustardpoto en abelujo, ĉar ni tre bone konscias, ke ni ne povos malhelpi, kio tamen okazos, ni almenaŭ volas esti la unuaj, kiuj publikigas postkongresan prozon.



Poŝtkart-salutoj de bona edzo al la hejme restinta edzino:

Firenze, 3-an de aŭgusto. — Kara Filoksera, ni alvenis en Firenze. Mi jam vizitis la urbon. Ĝi estas tre bela. Vi ne povas imagi, kiom multekosta estas la butero ĉi tie. Kara, mi senĉese pensas pri vi; kia domaĝo, ke vi ne povis akompani min! Mi perdis unu pantalon-butonon kaj ne scias ĝin rekudri. Morgaŭ vespere ni estos en Romo. Intertempe ricevu mil kisojn de via fidela Arturo.

Romo, 5-an de aŭgusto. — Kara Filoksera, ni alvenis en Romo. Kia bela urbo! Ankaŭ gesinjoroj Kolbasson estas ĉi tie. Mi tre ĝojis renkonti ilin. Ni pasigis tri horojn kune parolante pri nia urbo. Estis tre agrable. Sinjorino Kolbasson estas vere tre afabla. Ŝi rekudris mian butonon. Krom tio nenio nova. Kisojn. Via fidela Arturo.

Napoli, 9-an de Aŭgusto. — Bela vetero, bela urbo. Hodiaŭ estis la granda kongresa ekskurso. Mi multe soifis kaj aĉetis kelkajn oranĝojn. Ne forgesu sciigi al Pafombrel, ke mi vojaĝas en Italujo. Ankaŭ li ĉiam fanfaronas. Mi ĝojas baldaŭ revidi vin kaj kalkulas la tagojn. Via vin amanta Arturo.



El gazeta raporto, lerte kompilita el vojaĝ-agenteja literaturo :

« Italia, Italia! Magia altirforto de l' sorĉa vorto! Oni penetras en la benitan landon trapasante la Alpojn. Kia rava unika pejzaĝo! La alpa montaro disiĝas de l' Ligura Apenino ĉe la montpasejo de Cadibonna kaj etendiĝas kiel duobla duoncirklo ĉirkaŭ la Padova ebenaĵo. Kiam oni transiras la montarĉenon, malmultaj horoj sufiĉas por atingi la valon. Ĉe niaj piedoj kuŝas la padova kaj lombarda kamparoj, k.t.p., k.t.p. »

Vere, estus pli simple indiki la fonton.



Sinjoro Milmi rakontas en sia grupo :

« ... La italoj kutimas kompreneble vidi multajn eksterlandanojn kaj ili tre facile distingas la altrangajn gastojn de la ordinaraj turistoj. En ĉiuj urboj mi konstatis, ke la enloĝantoj rigardis al mi kun granda respekto kaj ofte eĉ salutis min. Kaj estas tre kurioze, kiel rapide la famo pri mia alveno rondiris. Jen ekzemple, la saman vesperon, kiam mi alvenis en Napoli, mi jam ricevis inviton al vespermanĝo de marŝalo Balbo, kvankam mi ne estis avertinta mian malnovan amikon pri mia vojaĝo. — En Romo mi kompreneble havis specialan aŭdiencon ĉe nia Sankta Patro, kiu sekvis kun granda intereso mian paroladon. Mi havis ankaŭ la honoron esti prezentata al Mussolini, kaj mi diris kaj mi faris..... »



El la notlibreto de sinjoro Bonfrand :

Firenze : Gnocchi kun tomatsaŭco.
Roma : Spaghetti kun tomatsaŭco.
Napoli : Nudeloj kun tomatsaŭco.
Genova : Makaronioj kun tomatsaŭco.
Napoli : Tomatsaŭco kun nudeloj.
Roma : Tomatsaŭco kun spaghetti.
Firenze : Tomatsaŭco kun gnocchi.



El la notlibreto de sinjoro Varième :

Firenze : Yvonne, francino.
Roma : Daisy, anglino.
Napoli : Mariella, italino.
Genova : Lottchen, germanino.



El la taglibro de XX :

31-an de julio 1935-a. — Morgaŭ mi forveturos kun la karavano al la lando de miaj revoj. Mi travivos nun la plej belajn tagojn de mia vivo. Por ke la rememoro pri ili restu por ĉiam antaŭ miaj okuloj, mi decidis fidele enskribi, ĉiun vesperon, la ĉefajn travivaĵojn de l' tago. Horon post horo mi notos miajn vojaĝimpresojn.

Mi estas iom nervoza. Mi rendevuis kun mia korespondantino kaj ni renkontiĝos en Venezia. Ĉu ŝi aspektas, kiel mi imagas ŝin ? Ĉu ŝi komprenos la voĉon de mia koro ? — — Tamen sur la ekrano de mia feliĉo troviĝas unu makulo : Ŝia karavano restos nur unu duontagon en Venezia, dum mia karavano envagoniĝos nur ok horojn poste. Sed mi retrovos ŝin en Firenze. Kun strangaj sentoj mi fermas hodiaŭ ĉi tiun kajeron, kiu denun fidele enregistros mian estontecon. Ĝis morgaŭ !

Venezia, 15-an de aŭgusto. — Nur hodiaŭ ni konsciis pri la dato. La 15-a de aŭgusto ! La kongreso certe jam finiĝis. Ĉu ĝi okazis ? — Ĉu ĝi ne okazis ? — Egale. Ŝi estas anĝelo kaj estos mia edzino. Mi konservos bonan rememoron pri la XXVII-a.

Condorcet.






Clelia Guglielminetti.

# Prikongresaj Informoj

Kiel nia granda kolego «Heroldo» (de kiu ni ŝtele prunteprenas la novaĵon) anoncis en sia lasta numero, «nur iom pli ol du monatojn ankoraŭ, kaj la granda okazaĵo ekestos...» Ni ĵus ekscias niaflanke, ke la L. K. K. ne malkonfirmis tiun informon. Tio estas jam bona antaŭsigno.

Dum la kongreso ne mankos distraĵoj, emocioj, amuzoj kaj ĉiuspecaj plezuroj. Neniam griza enuo havos la okazon montri eĉ nur la pinton de sia nazo. Ankaŭ sur la krozada ŝipo la tempo plej agrable forpasos. Krom la kraĉado en la maron, kiun oni ekzercados individue kaj grupe, oni citas kiel ĉefajn distraĵojn la Someran Surmaran Enuvers... pardonu, Universitaton, la disdonon de la gajnitaj loterimilionoj al la novaj milionuloj kaj — *last not least* — la konkurson pri la plej bela kongresĉemizo.

Por ke niaj legantoj, kiuj ankoraŭ hezitas, rapide alprenu decidon, la L.K.K. ĵus metis je nia dispono ĉi tiun kongreskliŝon, kies elokventeco superas ĉiujn prospektojn. — Samtempe la organizantoj de tiu ĉi originala, amuza kaj instrua konkurso, atentigas nian elitan legantaron, ke la konkurso konsistos el tri partoj :

I-a. — Kongresa ĉemizo sen enhavo.

II-a. — Kongresa ĉemizo kun enhavo.

III-a. — Enhavo sen kongresa ĉemizo.



KONGRESĈEMIZO

*(Kliŝo Fotototh)*

Por pluaj detaloj oni turnu sin, ĝis fino de julio, al

A. B. C. AWFUL.




# TUTE ĤINA RAKONTO

Sur la ferdeko, la piratoj trinkas, fumas kaj diskutas amike sed brue. La maja nokto estas serena. Kiam dum sekundo silentas la ridoj kaj la ekkrioj, aŭdiĝas la dolĉa plaŭdado de l' ondoj kontraŭ la ŝipo. En angulo, nia amiko Ferrari dormas firme. El liaj lipoj, kiujn ornamas anĝela rideto, eliras kelkfoje flustraj vortoj : « la vivo estas bela », kaj momenton poste terura ronkado.

Jen Laribois ekstaras, kaj postulas silenton :

— Mi diros al vi ĥinan poezian rakonton !

Kaj komplezeme ĉiuj pretiĝas por silenta aŭskultado.



Tri ĥinoj amis la saman ĥininon ; ŝi, cetere, estis mirinde bela. Ŝiaj vangoj estis persikoj ; ŝiaj okuloj estis gagatoj ; ŝiaj haroj...

— Jes, interrompis Sala Fumal iomete incitita, ŝi estis ja perfekta. Tamen, nun sufiĉas. Venu al la fakto.

Kompreneble, daŭrigis Laribois, nia amikino estas certe la plej bela, sed tamen miaj tri ĥinoj treege amis sian ĥininon, kaj ili ofte petis ŝin pri elekto. Sed ŝia koro ne kliniĝis pli forte al unu ol al aliaj ; ŝi ne povis alpreni decidon. Finfine ŝi uzis la jenan artifikon por elekti la plej sagacan el siaj svatantoj. Ŝi kunvokis la junulojn, kaj montris al ili tri lotusflorojn kaj du krizantemojn, dirante :

— Mi vindos al vi la okulojn dum kelkaj sekundoj, mi alpinglos al la dorso de ĉiu el vi unu el tiuj kvin floroj, kaj mi kaŝos la ceterajn. Poste mi redonos al vi la vidpovon. Tiu estos mia amata edzo, kiu la unua scios ĉu lotuso, ĉu krizantemo alpendas sur lia dorso, kaj klarigos per bona rezonado sian respondon.

Kaj ŝi faris kiel ŝi ĵus diris.

Kiam falis la tukoj, ĉiu el la amantoj rigardis la dorson de siaj konkurantoj. Kvin minutoj forpasis en meditado. Fine unu diris kun trankvila certeco :

— Sur mia dorso estas lotuso.

— Ĝuste! diris kun ĉarma rideto la amatino. Nun klarigu.

— Jen mi pensis. Se mi surhavus dorse krizantemon, ĉar miaj respektindaj kunuloj ja surhavas lotusflorojn, ĉiu el ili povus post nelonga meditado rezonadi jene: « *Mi vidas unu lotuson kaj unu krizantemon. Se mi surhavus dorse krizantemon, la jena lotusulo facile divenus, vidante du krizantemojn, sian dorsan floron. Nu, li ne ekkriis; do estas alpinglita sur mia dorso lotuso.* » Tio estus certe okazinta post kvar minutoj, daŭrigis la feliĉa ĥino, se mi surhavus krizantemon. Nun la silento kaj la konsterno de miaj respektindaj kunuloj montris al mi, ke ne tiel estas, kaj sekve, ke ankaŭ mi surhavas lotuson.



— Mi ne tre bone komprenis, diris oscedante Sala Fumal. Ĉu vi ne povus fari por mi klarigan desegnon?

Laribois estis tuj respondonta. Sed li tiam ekrimarkis mirindan spektaklon: eble pro la tro streĉita atento, kiun ili donis al tiu iomete komplika rakonto, ĉiuj piratoj, kvazaŭ frapitaj de fulmo, dormis profunde.

Kaj, pro l' subita eksterordinara silento abrupte reganta, Ferrari mirege vekiĝis.

RETSIGOR.

# Nia granda Konkurso

Ĉefafero estas, ke ni ĉiuj parolu nian karan lingvon elegante kaj korekte. Por tion atingi, estas utile ne nur parkerumi bonajn tekstojn, kiujn oni povos sentence, afekte aŭ bombaste ripeti ĉiufoje, kiam oni deziros fari bonan impreson, sed oni studu ankaŭ ĝisfunde kaj ekzercadu senĉese kelkajn frazojn, kiujn ni nomas « rifaj », tial ke ili ofte entenas kaŝitan danĝeron. En tiuj rifaj frazoj troviĝas ĝenerale kelkaj vortoj, kiuj povas per simpla liter-interŝanĝo konservi preskaŭ la saman aspekton sed ricevi tute alian sencon, ofte skandal-produktantan!

Sed sufiĉe! Nia elita legantaro komprenos pli bone per kelkaj ekzemploj el la ĉiutaga vivo kaj vidos,

kiom ĝene povas esti, se sendisciplina lango devojiĝas nur apenaŭ senteble de la ĝusta prononcado.

| | |
|---|---|
| Pri via bona amiko diru, ke li aspektas kiel pola mastro, | sed ne... kiel mola pastro! |
| Petu de la patrino la permeson premi la manon de la filino, | sed ne... preni la mamon! |
| Se vi ne ŝatas sukeraĵojn, diru al la dommastrino: Dankon, mi preferas salokukon, | sed ne... mi preferas kalosukon! |
| Diru: Mi gratulis ŝin poste kaj ŝia timo cedis, | sed ne... mi postulis ŝin grate kaj ŝia cimo tedis! |
| Diru pri lia fianĉino, ke ŝi havas ludan junvizaĝon, | sed ne, ke ŝi havas judan lunvizaĝon! |
| Diru: Kiam mi eniris, li manĝis kun gasto kukon, | sed ne: Kiam mi eniris, li manĝis kun gusto ktp., ktp., ktp. |

Per ĉi tiuj kelkaj ekzemploj, hazarde kolektitaj el nia kutima salona konversacio, nia elita legantaro povis konvinkiĝi, kiom grave estas bridi la langon. Kaj nia granda konkurso estas la jena:

Oni sendu al ni aliajn ekzemplojn de « rifaj frazoj », se eble iom pli amuzajn ol la ĉi supraj. Post kelka tempo ni aljuĝos kiel premion al la aŭtoro de la plej bona frazo

UNU AŬTOMOBILON

(MARKO CITROEN)

(la transportkostoj estos je la ŝarĝo de la feliĉa gajninto).

Ni akceptos ankaŭ « proksimumaĵojn » kaj estos ĝenerale ne tro severaj, sed nur kondiĉe, ke la senditaj frazoj konformiĝu al la morale altnivela karaktero de nia revuo kaj ni deklaras tuj plej solene, ke la varianto, ekzemple, de « furioza kursestro » havos neniun ŝancon esti akceptata, almenaŭ ĉe ni!

Kaj nun, afablaj geamikoj, gajnu la Aŭtomobilon!

ALE BEN TARIP.

*EL LA FOLKLORO DE ANTIKVAJ GENTOJ*

# LA MIRAKLO *)

Nur en groto ŝtona loĝanta
Ĉe marbordo estis ermit',
Pie kaj askete vivanta
Por la preĝo kaj la medit'.
Sed se bela estis vetero,
(Ĉar estis neniu najbar')
Lasinte robon sur la tero
Li ĝoje naĝis en la mar'...

Foje, kiam tute trankvila
Li eliris el sia ban',
Sekiĝante per suno brila
Kaj venteto de Ocean',
Junulinojn tri li renkontis,
Kiuj sidiĝis sur la rok'. —
Li estis nuda kaj ekhontis,
Dum knabinoj ridis kun mok'!

Ne havante kostumon banan,
Ŝirmilon serĉis la ermit',
Sed li lasis la robon lanan
En la groto sur sia lit';
Nur restis al li la ĉapelo
En ĉi stranga situaci',
Ĝi ne povis esti mantelo,
Sed tamen... vinbera foli'!

Sed tiam insekto zumante
Alflugis en sama moment',
Kaj li provis, kapon skuante,
Liberiĝi de ĉi turment';
Sed la rimedo ne sukcesis
Lin protekti kontraŭ malbon',
Kaj neniel la besto ĉesis
Piki sur nazo aŭ menton'!

Pro tiuj mizeroj ne povis
Plue ordoni lia saĝ',
Kaj per manoj li tiam provis
Forpeli kulon de l' vizaĝ'.
Por lin ŝirmi tiam alvenis
Granda miraklo de l' ĉiel':
Ĉar kvankam manoj ĝin ne tenis,
Tamen... ne falis la ĉapel'!

NAMIL LAB.

---

*) Ni ricevis plurajn manuskriptojn pri tiu ĉi sama temo, i. a. ankaŭ lerte versigitan de S-ro Klec-Kano. Ni publikigas tiun de S-ro Namil Lab, ĉar ni ricevis ĝin unua.

# KADUKULA FUŜISMO

Eble vi ne scias: Mi havas nevon, junulo tre kapabla, al kiu mi instruis Esperanton. La unuan semajnon, li volis korespondi kun eskimoj pri polusaj radiadoj, la duan — verki romanon, la trian — eldoni gazeton.

Kompreneble, mi klopodis por estingeti la troan ardon de la « freŝbakito », kaj tio ne plaĉis al li.

Iun tagon li venis al mi kun stranga mieno.

— Ĉu vi vere Esperanton instruis al mi? demandis li suspekteme.

— Nu certe! kial do ne?

— Mi devas diri al vi, kara onklo, ke mi kaŝe verkis novelon, kaj por esti certa pri ĝia perfekteco, mi sendis ĝin al akademiano por ekzameno.

Malvarma ŝvito ekglitis sur mia dorso.

— Ĉu vere vi faris tion?

— Jes, kaj li respondis, ke mi tute fuŝis la aferon, plie demandis, de kiu sentaŭgulo mi estas lerninta! Jen ekzemple, mi surpaperigis: « *la kuraĝa juvelisto konfesis tiam sian eraron* ».

Mia eminenta korespondanto diras al mi, ke anstataŭ tia ĵargonaĵo, tiu frazo estas prefere skribenda tiel: « *la kurepoka juvearo scifesis tiŝat sian emaloftón* ».

— Ĉu eble? ekkriis mi nekredeme.

— Legu mem kiel li klarigas la kialon:

« Vere, Zamenhof akceptis la radikojn *kur'* kaj *aĝ'*, do ku-
« raĝo = [aĝo(por)kuri] sed « Literatura Mondo » jam antaŭ pluraj
« jaroj montris al ni, kiel lerte oni devas uzi *epoko* anstataŭ *aĝo* (*),
« do *kurepoko* estas multe pli literatura.

« juvelisto troviĝas en Kabe; [listo de juveoj], sed kial uzi la
« vorton *listo* kiam ni disponas pri la pure Esperanta radiko *ar'*,
« do prefere ni diru *juvearo*.

« *kon'* estas oficiala radiko, do *konfesi* = [fesi(?) la konon], sed
« oni diras *scipovi* kaj ne *konpovi*, do *scifesi* ŝajnas al mi same
« preferinda.

« *ami* estas ofte malĝuste uzata anstataŭ *ŝati*, kaj estas pli pure
« diri do *tiŝat* anstataŭ *ti(-)am*.

« *rar'* estas neoficiala superfluaĵo. oni nepre uzu *mal/oft'*, sekve
« diru *emalofto* kaj ne *eraro*, kiu havas multe malpli ortodokse
« Esperantan aspekton kaj senutile komplikigas la lingvon ».

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Mi restis senparole. Tiun aferon mi nur povas submeti senkomente al la elita legantaro de « La Pirato ». Sed ne demandu pri la nomo de la akademiano, ĉar mi ne faras reklamon... senpagan.

A. SESA-KEBAT.

---

(*) Tio estas historia fakto tute aŭtentika (eble forgesita, sed kontrolebla) kaj restos eterne glorago de tiu revuo, kiu iam anstataŭis la titolon « miraĝo » per « mirepoko ».




VERDA REVUO (Aprilo). — El anonco : « Max Rudolf Frey serĉas samideanojn, kiuj *biciklas* kun li al la 27-a Esperanto Kongreso. »

*Se la samideanoj biciklas kun li, kial li bezonas serĉi ilin?*

LA PRAKTIKO (Aprilo). — « Princo O. Bismarck, la granda germana kanceliero, en la jaro 1887 ricevis la viziton de la franca internafera ministro Francesco Crispi... »

*Francesco Crispi ne estis franca, sed itala; ne internafera, sed eksterafera ministro. Ĝuste estas, ke li nomiĝis Francesco Crispi. Kiel oni diras ĉe La Praktiko : « Lernu per la eraroj! »*

LA SOCIALISTO (Aprilo). — El recenzo : « Poste venas aliaj ĉapitroj, kiuj estas tre ofte *amuzitaj*. »

*Tiuj ĉapitroj ŝajne ne multe respektas la honorindajn kapojn de l' seriozaj legantoj.*

OOMOTO INTERNACIA (Marto). — « Unuvorte, Orienta filozofio feliĉigas, la Okcidenta malfeliĉigas la homon. Jen estas la klarigo al la misteraj vortoj, kiujn ni kutimis citi en nia nuna artikolserio pri la Orienta filozofio, ke ĝi kreskigas la harojn. »

*Senharuloj, ne plu malesperu!*



**Ĉu preseraro?** — Unu el niaj elitaj abonantoj atentigis nin pri tiu ĉi artikoleto en Svenska Esperanto-Tidningen :

> *Ho, tiu preskoboldo!*
>
> En la cetere tre altnivela japana revuo « Esperanta Literaturo » ni trovis la jenan misfaron de la preskoboldo. (En novelo, kie temas pri maldungita oficisto, kiu ne povas ekdormi. La edzino vekiĝas kaj demandas lin :) — Vi ankoraŭ *lekas?*

Kaj nia bona amiko abonanto preskaŭ riproĉas al ni, ke ni ne citis ĉi tiun « perlon » en nia gazetara rubriko. Sed, kara amiko, kiel vi povas scii, ke temas pri preseraro? — Aliaj landoj, aliaj kutimoj!

# Oficiala Invito

## al ĉiuj piratoj, banditoj, kanibaloj kaj aliaj krude honestaj, senhipokritaj, ĝiskerne bonhumoraj kaj simile simpatiaj eksfilistroj kaj individuinoj

---

Aŭskultu ! — Sabaton, 15-an de junio en la jaro de l' granda senmoneco 1935-a, sapumu vian festvizaĝon, forrazu de ĝi malbelajn barbostoplojn, vestiĝu korekte (sed ne tro !), kunportu vian edzinon kaj monujon kaj venu al la

## FESTO DE L' PIRATOJ,

kiu ankaŭ ĉi tiun jaron estos la ĉefa politika okazaĵo sur nia planedo. Ni havas eĉ la grandan bonŝancon povi diskonigi jam nun al ĉiuj geamikoj, ke diversaj ministroj kaj ambasadoroj tre verŝajne ne ĉeestos. Ni do estos tute intime inter nur ni, en nia elemento.

La 15-an de junio 1935, ekvespere, oni kolektiĝos en nia kaverno, ĉe *Restoracio Voltaire, 1, place de l'Odéon,* kie ĝis la 8-a oni konscience disrompos la glacion. Tuj poste oni ekmarŝos parope aŭ individuope al la luksa salono, speciale rezervita por solenaj ceremonioj kaj samspecaj parodioj, kie — se la ĉefkuiristo ne mensogis — oni bonege povos plenigi eĉ la plej postuleman ventron laŭ la kutima bankeda menuo. La tuta ŝerco, kelnero enkalkulita, kostos nur 22,— paperajn frankojn. Kaj poste, je la 10-a, okazos la gaja

## Kabaretvespero,

kiu estos vere arta ĝuo por ĉiuj elitaj animoj. Sed pri tiu punkto, pro troigita modesteco, pri kiu ni estas rajte fieraj, ni ne diros unu vorton pli. **Al tiu vespero ni invitas pli speciale kaj plej kore, ĉiujn geamikojn, kiuj pro iu kaŭzo ne dezirus aŭ ne povus partopreni la manĝon.**

Sed ne forgesu, se vi deziras certigi al vi lokon ĉirkaŭ la bankeda tablo, informi antaŭ la 14-a de junio nian faman administranton,

S-ron J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e
Telefono : GOB 62-71.

« LA PIRATO ».

---

*Le Gérant :* ROGER BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Flossgasse 7/4-a, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—. Poŝĉek-konto 12.371 Praha, « Svaz cs. esperantistu ».

*Germanujo :* Ĉiuj poŝtoficejoj akceptas poŝtmandatojn por J. Solsona, 9, rue Hallé, *Paris-XIV*e. — Unu jaro : RM 2,—.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Mariagatan 7-9 A, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.

**Abonoj povas komenciĝi ĉiumonate.**